


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2015.6



*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# PESIMISMO AŬ OPTIMISMO?

Inter la fervojistaj esperantistoj okazas debato pri nia agado. Ĉu ni estu pesimistoj aŭ optimistoj, eble realistoj? Ni rigardu la faktojn. En la komenco de la naŭdekaj jaroj nia organizo IFEF havis pli ol dumil membrojn, kaj 22 landajn asociojn. Niaj antaŭuloj agadis serioze kaj entuziasme, kaj tiam nia federacio estis la plej grandnombra kaj aktiva faka asocio de UEA. Poste de jaro al jaro la membronombro de IFEF draste malpliiĝis, multaj landaj asocioj ĉesis (angla, estona, nederlanda, sveda, finna, svisa, slovaka), eĉ tiu tendenco estas daŭra, kaj momente ni havas malpli ol 400 membrojn, kaj entute 16 landajn asociojn. El tiuj landaj asocioj kelkaj apenaŭ ekzistas, kaj tute ne agadas. Ni kontinue serĉas la kaŭzojn pri tiu malbona tendenco kaj al tiu ĝenerala malkresko de la membraro. Mi konas multajn maljunajn fervojistajn kaj nefervojistajn esperantistojn, kiuj ankoraŭ nun en ĉi tiuj malbonaj cirkonstancoj entuziasme agadas por Esperanto. Ĉu pesimismo, ĉu optimismo aŭ realismo? La pesimismo estas malamiko de la agado. Se ni estas pesimistoj, kaj faras nenion por savi kaj plibonigi nian federacion, vere okazos fiasko en nia movada laboro. Sed ni ne estu nur optimistoj, ĉar tiu stato kredigas nin, ke ĉio estas en ordo, kaj ni devas fari nenion, ja ĉio memsolviĝas. Mi pensas, ke ni devas esti realistoj. Se ni ekzamenas la kaŭzojn, kaj ni pensadas pri la farendaĵoj, ni jam faras la unuan paŝon. Se ni faras la unuajn paŝojn, tiam nia agado havas helan estonton. Ni bezonas diskutojn pri la estonteco de IFEF, pri novaj labormetodoj, kaj ne nur starigi la problemojn, sed proponi solvojn. Al tio ni bezonas entreprenajn, iniciatemajn kaj entuziasmajn fervojistajn esperantistojn.
Tiun polemikon mi ŝatus daŭrigi en la sekva numero de IF, do por la pripensado mi atendas viajn opiniojn.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

**Duaranga fervojreta trajno en Bulgario**

## ENHAVO:

# La 67-a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio per bulgaraj okuloj

*La LKK-anoj de la sekva IFEF-kongreso – okazonta en bulgara apudmara urbo Varna – partoprenis en la 67-a IFK por akiri spertojn kaj impresojn, kaj kompreneble transpreni la kongresan flagon de la ĉinoj. Pro tio estas interesa ĉi tiu raporto, kiun faris la LKK-prezidantino de la sekva kongreso.*

De la 16-a ĝis la 23-a de majo 2015 okazis la 67-a kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio en la urbo Kunming, Ĉinio.



*La stacidomo de Kunming*

La kongresurbo Kunming, nomata "Printempa urbo" pro la printempa klimato tutjare, estas la ĉefurbo de Yunnan-provinco, ĝi [illegible]ı, kultura, ekonomia kaj sciencteknika centro de la provinco kaj la nodo de trafiko kaj komunikado. Sub la agosfero de la urbo Kunming apartenas kvin distriktoj, kaj la urbo havas pli ol 6 milionojn da loĝantoj. En Kunming troviĝas amaso da naturaj vidindaĵoj kaj antikvaj ruinoj. 108 humanaj kaj naturaj pejzaĝoj strukturas platformon en la disvolviĝo de la urba turismo kaj la turisma kulturo.



*Pagodo en Kunming*

Kunming posedas apartan avantaĝon en la ekonomia evoluo kaj la natura fiziologia stato. Kunming estas la plej bona kaj taŭga loko por vivi kaj disvolviĝi. Diversaj naciecoj nutras la distingitan turisman kulturon per kolorriĉaj moroj. Ĉe la Internacia Flughaveno Kunming (Changshui) kaj ĉe la fervoja stacidomo, LKK-anoj kun volontuloj de la kongreso akceptis kongresanojn de diversaj landoj.

La partoprenantoj estis loĝigitaj en Hot Spring Hotelo de Fubao Kultura Centro, Kunming. La 16-an de majo estis solene malfermita la 67-a kongreso de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio) kaj la 11-a Ĉina kongreso de Esperanto. Dum la kongresoj entute ĉeestis 255 esperantistoj el: Koreo - 3, Svislando - 2, Hispanio - 1, Ĉeĥio -1, Litovio - 2, Hungario - 3, Belgio - 3, Aŭstrio - 2, Rumanio - 5, Bulgario - 5, Italio - 8, Francio - 12, Ĉinio - 208.

Dum la publika komitatkunsido de la 67-a IFEF-kongreso en Kunming estis pridiskutitaj: raportoj de estraranoj, sekretario, redaktoro, kasisto kaj ĉefkomitatano; resumo de la jarraportoj de la landaj asocioj pri la jaro 2014; analizo pri la situacio kaj la estonteco de IFEF; buĝeto por la jaro 2015; rilatoj al aliaj organizoj; konfirmo de la invito al la 68-a IFK en la jaro 2016 en Bulgario.




*Bulgaraj kongresanoj antaŭ la grandega kongresa afiŝo*

En la kultura programo de la kongreso dum kvar vesperoj okazis diversaj spektakloj, prezentitaj de la studentoj kaj instruistoj el Profesia Kolegio de Arto en Kunming. Estis prezentitaj vespero de folkloraj dancoj kaj kantoj (En provinco Yunnan, kies ĉefurbo estas Kunming, ekzistas 10 naciecoj), vespero de ĥora arto, vespero de akrobatarto kaj vespero de arto. La kongresanoj ĝuegis belegajn spektaklojn de talentaj ĉinaj studentoj.

Dum la kongreso estis organizitaj du duontagaj kaj unu tuttaga ekskursoj. La unua duontaga ekskurso okazis la 18-an de majo posttagmeze. Tiu ekskurso kondukis la partoprenantojn al la Xishan monto (Okcidenta monto), kiu situas apud la lago Dianĉi sur 700 hektaroj, el kiuj viziteblas nur 210 hektaroj. La monto estas fama pro siaj belegaj pejzaĝoj kun densa arbaro, florantaj floroj kaj ĉiam verdaj herboj. Se oni rigardas el malproksimo la Xishan-monton, oni povas

konstati, ke la monto, kiel belulino kuŝas sur ambaŭ bordoj de la lago Dianĉi. Ŝiaj kapo, brusto, ventro kaj gamboj klare videblas, eĉ ŝiaj haroj flirtas en la ombroj kaj ondoj de la lago, montrante belan figuron kaj ĉarmecon de dormanta belulino. La monto kun krutaj rokmuroj montras majeste belajn vidindaĵojn. La plej alta montopinto altas 2440 metrojn super la marnivelo, kaj nur 600 metrojn super la lagonivelo. Nuntempe la monto estas elformita kiel arbara parko.

La dua duontaga ekskurso okazis posttagmeze la 19-an de majo. Unue la partoprenantoj vizitis la Yunnan Fervojan Muzeon. Tiu muzeo situas ĉe la Kunminga Norda Fervojstacio kaj estas sinteza muzeo kun la ĉeftemo ”Historio de fervoja evoluo en Yunnana provinco”. Por konstrui ĝin la registaro investis pli ol 60 milionojn da RMB yuanoj. La muzeo konsistas el la sinteza halo kaj lokomotiva halo, konservante pli ol 9500 valorajn historiajn fotojn, objektojn kaj dokumentojn de tri fervojoj kun metra, cola kaj norma ŝpuroj. Ĝi estas la unika “muzeo ĉe fervojstacio” kaj “stacidomo en la muzeo” en Ĉinio. La muzeo konsistas el du partoj - Suda kaj Norda haloj. Inter du haloj estas la koridora ponto trans fervojlinioj de la Norda fervojstacio. La dizela motorvagonaro ”MICHELIN” kiel unu el la unuaklasaj historiaj objektoj - faritaj en Francio - estis uzita sur la Yunnan-Vjetnama fervojlinio en la jaro 1914, kaj ĝi havis kaŭĉukajn radojn. Post la pririgardo de la Fervoja Muzeo la partoprenantoj vizitis la Parkon de la Verda Lago (Cuihu-lago). La parko situas sur 24 hektaroj kaj famas pro tio, ke ok flankoj de la lago estas verdaj bambuoj en kvar sezonoj, kaj dum printempo kaj somero estas multaj verdaj salikoj. Kiam la akva nivelo estis alta en Dianĉi lago, tie plantiĝis rizo, legomoj kaj lotuso, pro tio la loko nomiĝas “Maro de legomoj”. En la lagon fluis la akvoj de naŭ fontoj, pro tio ĝi havis ankaŭ



*En la Fervoja Muzeo*

alian nomon “Naŭdraka lago”. En la parko troviĝas kelkaj interesaj vidindaĵoj kiel la Orfiŝa insuleto, Bambuarbara insuleto, Lotusflora monaĥejo k.t.p. Multaj pontetoj, belegaj pavilonoj, intimaj vojetoj troveblas dise en la parko.

La tuttaga ekskurso okazis merkrede la 20-an de majo. La partoprenantoj per speciala aŭtobuso vizitis tiun mirindan lokon, kiu situas 85 km-ojn for de Kunming. La komforta aŭtobuso traveturis belegajn, multkolorajn kaj pitoreskajn pejzaĝojn.

La Ŝtonarbaro estas parto de antikva maro antaŭ 360 milionoj da jaroj. De malproksime ni povis vidi, ke aroj da griznigraj megalitaj pintoj kaj kolonoj, kiel nebulnigra arbaro direktiĝas al la blua ĉielo, pro tio oni nomas ilin “Ŝtonarbaro”. La ĉefa turisma regiono ”Liziying-arbaro” enhavas areon da 12 kvadrataj kilometroj, konsistante el la Ŝtonarbara lago, la Granda ŝtonarbaro, la Malgranda ŝtonarbaro. La vojo inter la ŝtonoj longas pli ol 5000 metrojn. Kiam oni eniras la arbaron, aperas diversformaj ŝtonoj, ŝtonkolonoj, ŝtonmuroj, iuj el



*La pitoreska Ŝtonarbaro*

metrojn. La ŝtonoj formas diversajn figurojn, kiel la sanktuloj, roluloj de romanoj, soldatoj, poetoj, patrino kun la filo kaj videblas ankaŭ multaj bestoformaj ŝtonoj kiel ĉevalo, elefanto, pavo, rinocero, tigro k.a. Ne mankas la plantoformaj ŝtonoj, inter ili diversaj floroj, bambuoj, fungoj k.t.p. Ankaŭ troviĝas “sonorilaj ŝtonoj”, kiuj sonoras malsamtone. Tiun grandegan transforman laboron ne finfaras cizilo kaj martelo, sed la erozio kaj pluvo.



*Belega pejzaĝo en la Yunnan provinco*

La bulgara delegacio, konsistanta el kvin personoj, estis kore akceptita de la dommastroj kaj ceteraj partoprenantoj de la kongreso. Nia ĉefa tasko estis por partopreni tiun ĉi kongreson, prezenti Bulgarion, bulgarajn fervojojn kaj Esperanto-movadon inter la bulgaraj fervojistoj. Post la oficiala konfirmo, ke Bulgario estu dommastro de la sekva IFEF-kongeso en la jaro 2016, ni havis eblecon prezenti tiun kongreson. Unue ni ornamis la salonon, kie okazis la prezentado. Sur la vojo laŭ la ŝtuparo al la salono kaj enirejo, ni metis multajn diverskolorajn balonojn, kaj interne en la salono ambaŭflanke ni metis balonojn en blanka, verda kaj ruĝa koloroj. Antaŭ la podio ni metis grandan bulgaran flagon. Eksonis rondodancaj kantoj. Kiam la gastoj komencis alveni, ni bonvenigis ilin per peceto da pano, salita per spicita salo, kiun ni kunportis el Bulgario. La pecetoj da pano estis sur pleto,




*Prezentado pri la sekva IFEF-kongreso*

Istila tolo. Ĉiu gasto, enirante en la salonon, ricevis esperantan insignon kun bulgara trikoloro. Ĉiuj restis agrable surprizitaj pro nia akceptado, kaj la ritmo de rondo-dancaj kantoj obsedis iliajn korojn kaj ili komencis danceme piedfrapi.

La salono pleniĝis de esperantistoj, atentontaj nian prezentadon. La bulgara delegacio okupis lokojn sur la podio. Sinjorino Petja Aleksandrova – prezidantino de Bulgara Fervojista Sekcio - prezentis la partoprenantojn de la bulgara delegacio kaj bonvenigis la ĉeestantojn. Ŝi anoncis, ke la 68-a kongreso de IFEF okazos de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016 en la Internacia domo de la sciencistoj "Frederiko Ĵulio Kjuri", kiu estas ripozkomplekso en "Sanktaj Konstantin kaj Elena", kiu situas proksime al la bulgara urbo Varna. La informado estis surekranigita kaj la ĉeestantoj konatiĝis kun ĝeneralaj informoj pri Bulgario – loĝantaro, klimato, montaroj, urboj, kulturo kaj moroj. Pli detale estis prezentita la Internacia domo de la sciencistoj "Frederiko Ĵulio Kjuri", kiu estos la kongresejo. De la 28-a ĝis la 31-a de majo 2016 okazos la postkongreso ĉefe en la belega urbo Veliko Târnovo, kaj samtempe estos organizitaj ekskursoj al la urbo Gabrovo, Drjanova monaĥejo kaj etnografa komplekso "Etâr". Estis prezentitaj filmetoj pri la urbo Varna, Veliko Târnovo kaj lokoj, kiuj estos vizitataj dum la kongresaj duon- kaj tuttaga ekskursoj. Al la ĉeestantoj estis disdonitaj invitiloj kaj aliĝiloj por la kongreso en Bulgario. La ĉeestantoj estis tre kontentaj pro la prezentado, kiu reale provokis grandan intereson al Bulgario, ĉar post la oficiala parto sekvis multaj demandoj pri Bulgario. Kelkaj esperantistoj eĉ aliĝis por partopreni la kongreson. Post la prezentado de la sekva kongreso, la flago de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio estis transdonita de la dommastroj al la bulgara delegacio, por ke ĝi ornamu la podion de la 68-a kongreso en Varna. Ni forveturis de Kunming kun sento de bone plenumita tasko, metita de la bulgaraj fervojistoj esperantistoj. Ni esperas akcepti en majo 2016 en Varna multe da esperantistoj el diversaj nacioj.




*La bulgara delegacio transprenas la kongresan flagon*

**Petja Aleksandrova**




**INVITILO**

**Por la 68-a Kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Varna, Bulgario, de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016**

## Estimataj Gesamideanoj

La bulgaraj fervojistoj-esperantistoj, tutkore invitas vin partopreni la 68-an kongreson de IFEF, kiu okazos **de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016** proksime al urbo Varna - la mara ĉefurbo de Bulgario. Nia federacio akceptas organizi por kvina fojo IFEF Kongreson. La esperantistoj, kiuj vizitis la kongresojn en Varna – 1968, en la turisma ripozkomplekso "Suna Bordo" – 1984, en Plovdiv – 2002 kaj en Sofio – 2010 memoras la agrable travivitajn tagojn en Bulgario.

Ni esperas, ke denove ni sukcesos por ke vi estu kontentaj pro nia gastamo. Ni atendas vin senpacience amase viziti la kongreson.

**Bonvenon en Varna!**

**Kore invitas vin:**

Prezidantino de Nacia asocio de FISAIC: inĝ. Veselka Kamburova
LKK Prezidantino: inĝ. Petja Aleksandrova

**Adreso de LKK:** inĝ. Veselka Kamburova (68-a IFK)
z k "Obelya-2", bl. 209/A/5 1326 - Sofio, Bulgario
Tel: +359 887090163 Retadreso: bg_68ifk@abv.bg

**Kongresa bankokonto:**
**First Investment Bank, SOFIA 1233, ul. "OPALCHENSKA" № 117**
**IBAN: BG38FINV91502016206231, BIC: FINVBGSF**

## Pri la kongreslando - Bulgario

Nia lando Respubliko Bulgario situas en la sudorienta parto de Eŭropo, sur Balkana Duoninsulo. Ĝi limas oriente kun Nigra Maro, sude kun Greklando kaj Turkio, okcidente kun Serbio kaj Makedonio kaj norde kun Rumanio, kies limo estas la rivero Danubo. La tuta longeco de la ŝtata limo estas 2245 km, el kiuj 1181 km estas surteraj, 686 km – riveraj kaj 378 km – maraj. La vojreto estas longa 36 720 km kaj fervojreto – 4300 km. La teritorio estas - 111 000 km$^2$ kaj loĝantoj estas 8 000 000.

Bulgario estas fondita en la jaro 681 p.K., kaj havas glorajn periodojn – Kristaniĝo ekde la 865-a jaro, Ora Jarcento de bulgara literaturo dum X-a jarcento, Renesanco, disvolviĝo de kulturo kaj klereco.

La naturo de Bulgario estas varia kaj belega. Ekzistas multaj montaroj kaj lagoj, ebenaĵoj kun fruktoĝardenoj, vinberejoj kaj rozaj valoj. Sennombraj estas la mineralakvaj fontoj kun banejoj kaj ripozdomoj. La lazura Nigra Maro proponas famekonatajn plaĝojn kaj marajn kuraclokojn. Respubliko Bulgario fariĝis membro de Eŭropa Unio ekde la 1-a de januaro 2007 jaro. Bulgario havas teritorion sur insulo Livingstân en Antarkto kaj kiel konsulta membro de Antarkta Kontrakto partoprenas en la administrado de la teritorioj, situantaj je 60$^0$ suda latitudo.

## Kongresurbo Varna kaj ripozkomplekso "Sanktaj Konstantin kaj Elena"

**Varna** estas la tria laŭ grandeco urbo en Bulgario kaj estas mara ĉefurbo de la ŝtato. Ĝi situas 470 km-ojn nordoriente de Sofio. Dum periodo 1949 – 1956 la nomo de Varna estis Stalin. Supozeble la nuna nomo devenas de prabulgara varnâ – "nigra, korvonigra". Alia teorio ligas la nomon al vorto "kalko" kaj signifas mineralan fonton. Varna estas grava turista kaj kultura centro. Ĝi estis elektita kiel Eŭropa Junulara Ĉefurbo en la jaro 2017. Interesaj rimarkindaĵoj en la urbo estas: La mara ĝardeno, La Delfenujo, La astronomia observatorio kaj planedario, Varna nekropolo – la plej antikva trezoro en la mondo, marmilita muzeo. Tre proksime al la urbo estas iuj el la plej grandaj nigramaraj ripozkompleksoj – "Albena", "Zlatni Pjasâci – Oraj sabloj", "Sanktaj Konstantin kaj Elena". Ili kaj longa plaĝa strio en la urbo mem allogas milojn da turistoj kaj Varna transformiĝas en urbon kun aktiva kultura agado kaj vigla nokta vivo.

**Ripozkomplekso "Sanktaj Konstantin kaj Elena"** situas 10 km for de Varna. Ĝi estas iu el la plej famaj bulgaraj nigramaraj ripozkompleksoj kaj la plaĝa strio estas pli ol 3,5 km. Ferikomplekso

estas komparinda kun Riviero kaj ĝi estas nomata “Slava Nica”. Dum la jaro 1908 ĉi tie estis kreita bankuraca centro. En la ripozkomplekso estas sep mineralakvaj fontoj, kies temperaturo estas ekde 40 ĝis 60 gradoj. La ripozkomplekso havas la saman nomon kiel monaĥejo “Sanktaj Konstantin kaj Elena“, kiu estis konstruita en la komenco de la XIV – XVI jarcento, proksime al sankta fonto, el kiu fontas kuraca akvo. Ĝis nun restis nur unu preĝejo duone enfosita en la tero, kiu estas interesa vidindaĵo. Tiu ĉi loko ĉiam estas ŝatata por ripozo de varnanoj. La vespera mara brizo milde karesas meze de bonodoraj figaj kaj citronaj arboj kaj eterne verdaj cipresaj arboj kaj tio kun mineralaj akvoj transformiĝas en miraklan lokon.

**Hotela komplekso IDS (Internacia domo de la sciencistoj) ”Frederiko Ĵulio Kjuri”** estas hotelo kun terapieblecoj, situas en la centro de la ripozkomplekso, meze de belega natura parko, 100 m malproksime de la plaĝo.
Je dispono al la gastoj de la hotelo ”Frederiko Ĵulio Kjuri” estas 99 ĉambroj kaj apartamentoj. En ĉiuj ejoj estas: televidilo, telefono, fridujo, klimatizilo, aparta banejo.
Je dispono estas ankaŭ centro por terapio kun tegmenta naĝbaseno kun minerala akvo, saŭno, salono por gimnastiko, ŝlimkuracado kaj masaĝoj.

## Dumkongresaj ekskursoj

**A/ Tuttaga ekskurso – Aladĵa monaĥejo, Balĉik: la Palaco kaj la Botanika Ĝardeno, Kabo de Kaliakra.**

**Aladja Monaĥejo** situas en bela regiono 14 km norde de urbo Varna, proksime al ripozkomplekso Oraj Sabloj. Aladĵa monaĥejo estas unu el la rokaj monaĥejoj en Bulgario. La ejoj de monaĥejo estas elfositaj je du niveloj en alta preskaŭ 40 m kalkŝtona roko. Je distanco 600-700 m okcidente de la monaĥejo estas aro da grotoj, kie estas eltrovitaj ceramiko, moneroj el V – VI jarcento. La nomo „aladĵa” devenas de turka lingvo kaj signifas “multkolora”. Laŭ la legendo la patrono de la sankta monaĥejo estis Sankta Vlas. Hodiaŭ Aladĵa monaĥejo estas populara turista loko, kiu estas vizitata de miloj da turistoj. La monaĥejo apartenas al la 100 gravaj naciaj objektoj de Bulgario
**Arkitekturparka komplekso “La Palaco”** situas ĉirkaŭ 2 km sudokcidente de la centro de urbo Balĉik, 40 km nordoriente de Varna. La vilaa ensemblo estas konstruita laŭ projekto de italaj arkitektoj

Amerigo kaj Aŭgustino por somera rezidejo de la rumana reĝino Marija. La konstruado komenciĝis en la jaro 1924 kaj daŭris ĝis 1934. En la arkitekturo de la palaco interplektiĝas prabulgaraj, gotikaj, orientaj kaj maŭraj elementoj. Famaj rimarkindaĵoj estas: kapeleto “Stela Maris”, “Dia ĝardeno”, ĝardeno “Angla kortego”, “Ĝardeno kun krucforma akva spegulo”, “Ĝardeno de Getsiman”, “La teŭgo de la palaco kaj garaĝoj de la jaĥtoj”, elektrocentralo kaj “La ponto de la sopirĝemoj”, “Aleo de la vino”, “Aleo de la jarcentoj”, “La pendterasoj” la tombo de reĝino Marija k.a. Sur la tria etaĝo de vilao “Senzorga nesto” de la verando vastiĝas panoramo al la maro kaj spiralaj ŝtupoj kondukas al ringoforma teraso de la minareto. Ĉe la administra konstruaĵo de la komplekso sur ŝtona kolono altiĝas statuo de sankta Martin. Tre proksime al la terasoj estas formita bela akvofalo, kies alteco de falo estas 25 m. Alia pli malalta akvofalo malsupreniĝas de “Ĝardeno de Alaho” laŭ triakvostria fontoŝtono en profundan ŝtonan basenon. La palaco konsistas el du ĉefaj elementoj – konstruaĵfondaĵo kaj Botanika ĝardeno kun parko. Parto de la parko estas transformita en scienca botanika ĝardeno, kiu estas prizorgata de Sofia universitato “Sankta Kliment Ohridski”. Ĝi okupas 24-an lokon en la listo de 100 gravaj naciaj turistaj objektoj de Bulgario. La ĝardeno, kiu apartenas al la Sofia Universitato “Sankta Kliment Ohridski”, estas kreita en la jaro 1955 de akademiano Daki Jordanov, kiu estis rektoro de la universitato. La vizitantoj povas ĝui belegajn florojn, diversecon de arbustoj kaj arboj el diversaj lokoj de la mondo.

**Kabo de Kaliakra** disvastiĝas pli ol 2 km en la Nigra Maro kun siaj altaj 70 m rokoj kaj estas la plej longa kabo sur la Balkana Duoninsulo. Ĝi situas 12 km oriente de la urbo Kavarna kaj 72 km nordoriente de Varna. La regiono estas fama ankaŭ kun delfenoj, riĉa diverseco de maraj birdoj, kiuj nestas sur la rokoj. La nomo Kaliakra devenas de greka lingvo kaj signifas “bela kabo”. Dum la jaro 1444 ĉe la kabo Kaliakra haltis la kavalira armeo de Vladislav Varnenĉik dum la militiro kontraŭ Osmana imperio. Je la 31-a de julio 1791 ĉi tie ekfuriozis la plej granda batalo en la Nigra Maro dum la Rusa-turka milito, en la periodo 1787 – 1792.

**B/ Duontaga ekskurso 1 - Varna**

**Gravaj rimarkindaĵoj en Varna estas:**

1. ***La katedralo “Sankta Dipatrino”***

La preĝejo estas konstruita dum la periodo 1883 – 1886, kaj estas la dua laŭ la grandeco en Bulgario post la templo-monumento “Sankta Aleksandâr Nevski” en la ĉefurbo Sofio. La arkitekto Maas - honore

al Liberigo de Bulgario el turka jugo projektis la templon.

2. ***Drama teatro "Stojan Bâĉvarov" - Varna***

En la konstruaĵo de la drama teatro "Stojan Bâĉvarov" - Varna troviĝas la teatro, la opero kaj filharmonio de urbo Varna. Ĝi estas konstruita laŭ viena modelo. Je la 12-a de marto 1921 la teatro inaŭguris sian unuan teatran sezonon per nuntempa spektaklo "La instikto" de Anri Kestmeker.

3. ***La mara ĝardeno***

La pretigo de la ĝardeno komenciĝis en la jaro 1862. Ĝi estas iu el la simboloj de la urbo Varna. La mara ĝardeno, Botanika ĝardeno en Balĉik kaj Botanika ĝardeno ĉe "Sanktaj Konstantin kaj Elena" estas unuraj artefaritaj rezervejoj. En ĝi oni kreskigas iujn el la plej maloftajn kaj defenditajn plantojn. En la mara ĝardeno la vizitantoj povas vidi multajn rimarkindaĵojn, el kiuj: Akvarion, Delfenujon, Militmaran muzeon k. a. La ĝardeno havas areon ĉirkaŭ 800 ardekojn kaj en ĝi estas ankaŭ zooparko.

4. ***La centraj maraj banejoj kaj la plaĝo***

La centraj maraj banejoj kaj la plaĝo ekzistis jam en XX-a jarcento. En la banejoj estas polikliniko, akvokuraca kaj ŝlimkuraca kompleksoj, du kajoj, kelkaj restoracioj, dancamuzejo k.a.

***5. La festivala kaj kongresa centro Varna.***

Ĝi estas konstruita en la jaro 1986, kaj estas bela nuntempa konstruaĵo, farita el aluminio, vitro kaj ŝtono. Ekde la komenco ĝi fariĝis centro de la plej prestiĝaj eventoj de la arto kaj kulturo. En ĝi estas kelkaj scenejoj, granda bazaro, restoracio, sukeraĵejo, kaj kelkaj salonoj por konferencoj.

### C/ Duontaga ekskurso 2. - Nesebar

La **Urbo Nesebâr** situas 37 km nordoriente de Burgas kaj 429 km oriente de Sofio. La malnova parto situas sur malgranda duoninsulo kaj la nova – surtere, eniĝita en la maro. La urbo aperis en antikveco kiel traca fiŝkaptista loĝloko. Dum la VI-a jarcento, antaŭ la nova erao grekaj koloniigintoj, fondis sur ĝia loko kolonion, nomitan Mesambrija. En daŭro de tempo ĝi evoluis kiel granda kaj bone fortigita urbo-ŝtato. Dum la unua jarcento Mesambrija estis sub roma regado kaj pli malfrue ĝis la jaro 812 estis parto de Bizanco. Dum tiu ĉi jaro ĝi estis konkerita de hano Krum kaj multfoje trapasas de bulgara al bizanca regado. Dum la jaro 1453 ĝi estis konkerita de osmana armeo. La malnova Nesebâr estas en la listo de Unesko kiel monda kultura heredaĵo. La urbo estas longa 850 m kaj larĝa 350 m, sed eĉ sur tia malgrada areo estas multaj monumentoj de la kulturo. Laŭ la legendoj ĉi tie estis 40 preĝejoj.

Laŭ la monda statistiko Nesebâr estas la urbo kun la plej multaj preĝejoj, rilate al la nombro de la loĝantoj. Ili estas 41 kaj hodiaŭ estas registritaj ĉirkaŭ 26 preĝejoj. Rimarkindaj estas ankaŭ la malnovaj domoj de Nesebâr kaj venta muelejo en la enirejo de la malnova urbo.

## Postkongreso – Veliko Tarnovo

**Veliko Târnovo**, la ĉefurbo de la Dua Bulgara Regno, iu el la plej antikvaj bulgaraj urboj situas amfiteatre sur kvar montetoj – Carevec, Trapezica, Momina Krepost (Virgulina fortikaĵo) kaj Sveta Gora (Sankta arbaro), ĉe kies piedoj serpentumas la rivero Jantra. La urbo estas je 220 km de Sofio kaj je 200 km de Bukureŝto. Post la Liberigo en Veliko Târnovo okazis la ŝtata fonda kunveno en la jaro 1879, kaj tiam estas akceptita la bulgara konstitucio, nomata Konstitucio de Târnovo. Tiam la parlamentanoj elektis urbon Sofio kiel ĉefurbon de Bulgario. La impresa historio de la urbo, kiu estis pli ol 200 jarojn politika, ekonomia, kaj kultura centro de la Dua Bulgara Ŝtato, estas prezentita pere de unika por Eŭropo spektaklo "Sono kaj Lumo".

La urbo, elektita kiel kultura ĉefurbo sur la Balkano, konservas ĝis nunaj tagoj la bulgaran spiriton kaj tradiciojn, posedas eksterordinare riĉan historian heredaĵon:

-La fortikaĵo kaj arkitektura rezervejo "Carevec", kie estis konstruitaj Cara palaco kaj Patriarkejo. La monteto estis defendita pere de fortikaĵmuro kun longeco 2 km kaj larĝeco ĝis 2,60 m. En la fortikaĵo enireblis tra tri enirejoj. La ĉefa enirejo konsistis el tri postsekvaj pordoj, defenditaj el turoj. La dua (Malgranda pordego) ligis Carevec kun Asenova mahala (domaro) kaj la tria — kun Frenkisar. El la turoj estas konservita nur unu, nomata hodiaŭ Balduena turo, kie estis prizonita imperatoro Baldueno. La Palaco de la bulgaraj caroj – bone plifortigita aparta arkitektura komplekso estas sur la plej konvena loko de la monteto – plata teraso. La ĉefa enirejo troviĝas norde. Ĝia areo estas 4872 $m^2$ kaj estas fortigita per dika fortikaĵmuro kun kvin batalturoj kaj du enirejoj. La rezidejo de la bulgaraj patriarkoj leviĝas sur la plej alta loko de la monteto. Meze de la komplekso estas patriarka templo "Sankta ĉieliro de Dio".

- Sur monteto Trapezica estas la fundamentoj de 17 belaj preĝejoj. En la preĝejo "Sanktaj 40 martiroj" estas entombigita caro Kalojan – unu el la plej majestaj regantoj de la Dua Bulgara Regno.

- La templo "Dipatrina Nasko" estas la plej vizitata preĝejo en la urbo. Monaĥejoj kun valoraj ikonoj, murpentraĵoj kaj freskoj – Preobraĵenski, Kilifarevski, Petropavlovski, Patriarŝeski.

- “Samovodska ĉarŝija” (komerco-strato) kun tradiciaj metioj, vendejoj por antikvaĵoj kaj artaj galerioj.
- Strato “Gurko” kun romantikaj renesancaj domoj, kaŝitaj en la rokoj.

Inter unikaj kulturaj rimarkindaĵoj en proksimeco al Veliko Târnovo estas arkitektura kaj historia rezervejo “Boĵenci” arkitektura-historia rezervejo Arbanasi. La tradicia festo de la urbo estas ĉiujare la 22-an de marto, kiam okazis la glora venko de la bulgara reganto Ivano-Aseno la Dua super despoto Teodor Komnin ĉe rivero Klokotnica en la jaro 1230.

**Hotelo “Meridijan Boljarski”** situas en la koro de Veliko Târnovo tre proksime al historiaj rimarkindaĵoj de la malnova ĉefurbo – la strato de la metioj “Samovodska ĉarŝija”, monteto-fortikaĵo Carevec, urba galerio kaj ponto de Stambolov. Pere de sia unika arkitekturo sur 15 niveloj, malsuprenirantaj de la centra strato al la pitoreska “Gurko” garantias komfortan restadon de la gastoj kaj ebligas al ili ĝui nekredeblan panoramon al rivero Jantra kaj malnova urbo.

Je via dispono estas 69 elegante meblitaj ĉambroj kaj apartamentoj por gastoj, klasika restoracio, panorama restoracio, BBQ, piano-nokta amuztrinkejo. Propran stilon kaj elegantecon en la internaĵo de la hotelo aldonas la murpentraĵoj, kiuj prezentas bildojn de la Dua Bulgara Regno sur areo de 140 $m^2$.

**Feriu kaj ripozu kun ni en tiu ĉi belega regiono!**
**Vi ne bedaŭros vian elekton!**






**Penka Dimitrova Dilova**

# La ĉefa fakprelego en Herzberg 2012 – plia evoluo – n-ro 5

## Prezaltigo endanĝerigas la Femern Belt-konekson.

Kiam la fina oferto de la entreprenaj firmaoj por la tunelprojekto alvenis, montriĝis esti 9 miliardojn da DKK (1,2 miliardoj da EUR) aŭ proksimume 25% pli alta prezo ol atendite.
Se oni ne sukcesos trovi solvon kun sufiĉe malpli alta prezo, povas malfruigi kaj eble entute endanĝerigi la projekton.
Tamen oni deziras fari la danan projektleĝon (ĝis post la somero 2015) kiel planite, kaj dume okazas negocoj pri la prezo.
La ebla malfruo de 1-2 jaroj de la dana parto de la tuta projekto povus helpi al la tutaĵo pli bone 'unuiĝi', ĉar jam germanaj instancoj informis, ke malfruos tri jarojn la renovigo de la fervojo inter Puttgarden kaj Hamburg.
Aliflanke la pramŝipfirmao Scandlines, kiu trafikas Rødby-Puttgarden, kaj kiu multe plendis kontraŭ la firman konekson, ĝojas pro prezaltigo kaj malfruo. Ili diras, ke 'ŝajne la prognozoj por la projekto ne estas robustaj, kiel oni postulis.' Scandlines deziras klaran temposkemon pri evoluo de la tunelkonekso. Same oni volas havi garantion, ke la aŭtoŝoseo, kiu gvidas al la pramŝipoj, ne estos malmuntata, ĉar Scandlines volas veturi 'ankaŭ poste'.
SAMTEMPE okazis, ke la monpeto de la EU-komisiono ne donis 'kontentigan rezulton'. La Komisiono ricevis entute 735 petojn, el kiuj la komuna dan-germana pri Femarn estis nur unu – la disponebla monsumo estas 90 miliardojn da DKK, sed la petoj sume estas 269 miliardojn da DKK – do, trionon la Komisiono povas doni. Kaj jen, fine de junio venis la rezulto: La Femarn-projekto ricevis duonon de la petata sumo, kaj mankos en la buĝeto 2016-2019 4,4 miliardoj da DKK (590 milionoj da EUR). Tio igis la novan danan transportministron voki al la parlamentaj partioj, kiuj partoprenas la interkonsenton pri la firma konekso, al kunveno, kaj oni nun atendas la rezulton.

Poste la evoluo estos pli klara pri

- Prezo pri la tunelkonekso
- Leĝaro
- Ekonomio

**DEFA**

# Post la Seikan Tunelo en Japanio aperas la Gotardo-Tunelo en Svislando

Nuntempe (2015) la plej longa tunelo en la mondo estas la Seikan Tunelo norde de Japanio inter la granda insulo Honshu kaj la norda insulo Hokkaido. Temas pri tunelo en la grundo de markolo. Ĝi mezuras 53 km.

En 2016 malfermiĝos pli longa tunelo sub la Alpoj tra Svislando laŭ nord-suda akso. Ĝia longeco estas 57 km. Mi skribas per –as formo, ĉar kompreneble la tunelo jam estas finborita. La laboroj komenciĝis en la jaro 1999. La inaŭguro estas planita por la unua de junio 2016 kaj la ekuzo kadre de la horaro de la svisa kompanio SSB CFF FFS okazos en decembro 2016.

La laboro daŭros entute 17 jarojn. La kunveno de la konstruistoj el la sudo kaj el la nordo okazis la 15-an de oktobro 2010 kaj la eraro inter la du tuboj en tiu tikla momento estis je 8 cm malgranda !!! 1800 laboristoj dediĉis siajn konojn kaj fortojn por bori tiun majstroverkon. 8 el ili akcidente mortis dum la konstrulaboroj. La elprenita ŝtona materialo konsistas el 28 milionoj da tunoj. Pri la financa aspekto : la tuto kostos 12,2 miliardojn da svisaj frankoj (CHF).

La tuneloj – ĉar temas fakte pri du tuneloj – entenas unu fervojlinion. Pro la fakto, ke la deklivo estas tre eta kaj la linio preskaŭ rekta, la rapideco povos esti tre granda : 160 km/hore por la trajnoj por varoj kaj 250 km/hore por la transporto de personoj. 750 metrojn longaj trajnoj kun pezo de 2000 tunoj povos veturi sen aldona lokomotivo. La vojaĝantoj veturantaj el Zuriko al Milano ŝparos unu horon kaj duono. Multaj provveturadoj okazos en 2016 antaŭ la ekuzo en decembro 2016.

Diversaj ŝtatestroj estos gastoj de Sinjorino Doris Leuthard, svisa ministrino pri transportoj, ĉar tiu tunelo utilos ne nur al Svislando, sed al tuta Eŭropo.

Mireille Grosjean

# ENHAVTABELO POR LA JARO 2015

## IF 2015.1



## IF 2015.2



## IF 2015.3



## IF 2015.4



## IF 2015.5



## IF 2015.6

# LA PLEJ RAPIDA TRAJNO EN EŬROPO



*La trajno en la stacidomo Roma-Termini*

La trajno nomiĝas Frecciarossa 1000, kaj veturas sur la linio Milano - Romo - Napolo. La vojo-distanco 600 km, tra du metropoloj, kaj la veturdaŭro estas 2 horojn kaj 15 minutojn. Ĝi volas konkurenci precipe kun aviadila transporto. La trajno veturos unue kun rapideco 300 km/hore, poste ĝis 360 km/hore; teorie ĝi povas atingi rapidecon 400 km/hore. Por la menciita linio oni disponigos 6 vagonarojn, kiuj plenumos 8 kunligojn. Kvar atingos stacidomon Milano – Rho Fiera, kie okazas tutmonda ekspozicio EXPO 2015 ( ĝi daŭros ĝis oktobro 2015 ) kaj kvar stacidomon Torino. Pli multo ekveturos el Napolo. En septembro oni aldonos ses aliajn kunligojn. Ĝis nun la plej rapidaj trajnoj veturas en Japanio kaj Francio; ili kapablas atingi rapidecon 320 km/hore.

La unua vagonaro, kiu nomiĝas laŭ itala sprintisto Pietro Mennea (1952 – 2013), plenumis inaŭguran vojaĝon kun pasaĝeroj la 25-an de aprilo 2015. Je la linio Milano – Romo veturis kun ĝi itala prezidento Sergio Mattarella, kelkaj ministroj kaj pluaj eminentaj gastoj.

La nova trajno bezonas por la menciita distanco - 600 km - tra Milano kaj Romo 2 horojn kaj 15 minutojn, tio signifas 45 minutojn malpli ol ĝisnunaj rapidtrajnoj. Itala ŝtata fervoja kompanio Trenitalia intencas pere de novaj vagonaroj anstataŭi ĉiujn ĝisnunajn rapidtrajnojn per tipo Frecciarossa ( „Ruĝa sago“ ). Ĝi esperas gajni multajn klientojn de aviadila kompanio Alitalia.

Kompleta nombro de 50 rapidegaj trajnoj realiĝos laŭ la ĝisnuna plano komence de la jaro 2017. Laŭ Trenitalia la nova trajno Frecciarossa 1000 povas veturi sur iu ajn fervojlinio de alta rapideco en Eŭropa Unio.

Kompilis: **Jitka Skalicka**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Ripoche
L. Niemann

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al
„Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE
UEA-konto: iffk-o

Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz



**Velŝipoj sur la Nigra Maro apud Varna, kie okazos la 68-a IFEF-Kongreso**




**La 68-a kongreso de IFEF okazos de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016 en la bulgara urbo Varna. Petu informojn de via landa asocio.**